


## JUBILEO EN BOLOGNA

La 21-an, 22-an, 23-an de Majo 1982 oni festos en Bologna la 70-an datrevenon de la fondiĝo de la Bologna Esperanto-Grupo "A.Tellini".

Jen la provizora programo:

Vendredon la 21-an, vespere: Malfermo de foto kaj dokumento-ekspozicio pri la historio de la Bologna Grupo. Interkona vespero.

Sabaton la 22-an, matene: Vizito al la urbo, kunveno de Eŭropa-Klubo.
Posttagmeze: Publika prelego kaj debato.
Vespere: Arta vespero.

Dimanĉon la 23-an, matene: Sankta Meso en Esperanto, oficiala Manifestacio de la Jubileo.
Tagmeze: Komuna tagmanĝo.
Posttagmeze: Gaja lotumado, adiaŭoj.

Dum la Arta Vespero inter alie kantos la famaj artistoj de Sofia Muzika Teatro: Maria Angelova kaj Veselin Damianov.

Partoprenos ankaŭ Esperantistaj reprezentantoj de la eksterlandaj Urboj ĝemelitaj al Bologna.

Oni petas frùajn aliĝojn.

---

## "ESPERANTISTA TAGO" en Verona"

En Verona, dimanĉon la 30-an de Majo 1982, okazos "Esperantista Tago" kun la jena programo:

9a horo: Sankta Meso en Esperanto fare de P.Ciccanti ĉe strato Scala n. 8

10a horo: Konferenco-debato pri la temo "Il punto sull'Esperanto oggi - Lingva kaj interna ideo".
Parolos diversaj universitataj profesoroj: Pennacchietti, Formizzi, Nordio, Tola kaj aliaj - ĉe Loggia di Fra' Giocondo, Piazza dei Signori.

12a,30 : Komuna tagmanĝo ĉe restoracio "Can Grande della Scala" Piazza Indipendenza n. 4.

Oni atentigas ke ĉiuj aranĝoj okazos urbocentre unu apud la alia.

---

## 16a INTERNACIA ILEI-KONFERENCO

15 - 24/7/1982

80066 Seiano di Vico Equense

(NA) Italio

Kotizoj por Ileianoj:
En kvarlita ĉambro ĝis la 30/4/82
Italaj liroj 187.000.

Por la neileianoj la supreindikita prezo pli altiĝas je 10000 Lit.

La aliĝilojn kaj informojn oni ri-

cevos de la L.K.K. Rolando Incoronato Via Panoramica 63 I-80056 Ercolano (NA) tel.081/7392211.

En la kotizoj estas enkalkulitaj krom la tranoktoj, ankaŭ la manĝoj, de vespere de la 15/7 ĝis la tagmanĝo de la 24/7.

En la provizora programo estas antaŭviditaj: Sankta Meso, Prelegoj, Laborgrupoj, E- kaj konversaciaj kursoj, Banoj kaj sunumoj en maro, Vizito de lernejoj kaj ekskursoj al Pompei, Ercolano kaj Capri.

Por atingi la konferencejon en Seiano (Hotelo Moon Valley) se vi alvenas per trajno al Napoli (Stazione Centrale-Centra Stacidomo) bonvolu trafi en la stacidomo mem, per rultapiŝo la "Ferrovia Circunvesuviana" en la direkto de Sorrento, ĝis Seiano.

---

53a KONGRESO DE ITALA ESPERANTO-FEDERACIO Forte dei Marmi (LU)

18a - 26a de Septembro 1982

Sub la aŭspicioj de la komunumo Forte dei Marmi

Adreso: Casella Postale 22
54100 MASSA C.

Temo: ESPERANTO KAJ TURISMO

---

## LA ITALA INSTITUTO DE ESPERANTO KUNVENIS EN BOLOGNA

Dimanĉe, la 21an de marto, renkontiĝis en Bologna la anaro de Akademia Senato de Itala Instituto de Esperanto kaj estroj de la lokaj katedroj, entute 35 homoj.
Sub la guidado de la direktoro d-ro Fabris, oni ricevis superrigardon pri la aktivecoj de la Instituto: agado, financo, eldono K.t. p. fare de d-ro Fabris mem, de s-ro Galbusera, de la prezidanto de F.E.I. d-ro Dazzini.
Poste prof-ro Mingo raportis pri la kunveno, en Napoli, de instruistoj de Suda Italio. Ĝi estos, espereble, fruktodona en tiu iom stagna duoninsulparto.
S-ino Formaggio raportis pri enketo farita en Chiavari inter la iamaj diplomitoj pri Esperanto; ties ĉefa celo estis koni la kialojn de malapero kaj malintereso fare de la studintoj; bedaŭrinde nur malmultaj estis la respondoj, do la bildo donita de la informoj ne povas esti tre signifa.
F-ino Fabbri raportis pri siaj kontaktoj kun F.I.D.A.P.A. ( fama ina societo) en Bolzano, kaj instigis la aliajn same agi por alproksimigi tiun interesatan, ankoraŭ ne esperantista, asocion.
Pri la konsiloj de d-ro Boschin por akiro de novaj lernantoj kaj subvencioj malfermiĝis ampleksa kaj konstrua debato kiu daŭris ĝis la dekkvara.
La kunveno estis gastigata de Dopolavoro Ferroviario de Bologna, kiu eĉ regalis la ĉeestantaron per abunda lunĉo kiu nature estis tre aprecita de ĉiuj.

---

## GRATULOJ

S-ro Jacob Johannes Labordus, Prezidanto de F.E.R.N. (Fervojista Esperanto Rondo Nederlando), ricevis diplomon kaj arĝentan medalon de FISAIC. Tri-foje Labordus estis prezidanto de L.K.K. de I.F.E.F.-Kongresoj en Nederlando nome en 1953 (5-a) kaj en 1966a (18-a) ambaŭ en Utrecht, kaj laste en 1980a (32-a) en America. Li estas Honora

Membro de I.F.E.F..

S-ino Erna Hauge, ricevis premion pro plej bona tradukita prozo en la konkurso por la plej bone verkitaj literaturaĵoj pri fervojista temo, organizita de L.K.K. de la 33-a IFEF-Kongreso en Regensburg.

S-ro Josip Zupanič, Jugoslava kolego, posedanto de arĝenta medalo de FISAIC, pro lia 85a jaraĝo.

S-ro Ignat Nikolov Ivanov, Bulgara veterano de nia movado, pro lia 83a jaraĝo.

Amike kaj tutkore ni gratulas!

Notoj: En la Oficiala Jarlibro (U.E.A.) de la Esperanto-Movado Jaro 1928, ni legis ke tiuj du lastaj veteranoj apartenis al la taĉmento kiu gvidis la Internacian Asocion de la Esperantistaj Fervojistoj (I.A.E.F.) dum la dudekaj jaroj. IAEF estis refondita dum la jaro 1921 en Praha.

En la sama Oficiala Jarlibro ni legas: "Faka Societo en Italio": Itala Fervojista Asocio - Fondo: 1922 - Organizo: L. 1 jare po grupano - Gazeto: Itala Esperanta Revuo - Stato: 12 Grupoj - Estraro: Prez.: Franco Ramolfo; Sekr.: G. Belli, Via Baretti 8, Torino - Adreso: Via Nizza 12, Torino.

Ankaŭ inter niaj fidelaj membroj ni mencias kelkajn okdekjarulojn (aŭ pli jaraĝaj) al kiuj adresi niajn varmajn gratulojn kaj bondezirojn, nome:

Kav. Alfredo Gamberini kiu estis, kune kun sia kara kaj neforgesebla edzino Giuseppina Gamberini Billi, la motoro de la Esperanto-Movado en Bologna dum la lasta kvaronjarcento.
Ili partoprenis ofte en niaj Fervojistaj kongresoj kaj kunvenoj.

S-ino Wanda Sabelli veteranino de Esperanto-Movado, tre aktiva en Trieste kaj en Bologna; Ŝi esperantiĝis dum la jaro 1911-a.
Mi legis tion en la I.E.M.W. (Internacia Esperanto-Muzeo en Wieno), en aparta memorlisto de la Pioniroj de Esperanto-Movado.

S-ro Giulio Catena tre konata inter la fervojistoj kaj ne fervojistoj. Li estis longtempe kasisto ĉu de I.F.E.A. ĉu de la Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini).

---

NI LEGIS . . .

El Bulgario:
"BULGARINO" - Jara Eldono de la Komitato de Bulgaraj Virinoj - 1981 - Luksa kolorbilda revuo en Esperanto kun artikoloj pri Bulgara historio kaj vivo de virinoj en Bulgario.
Ricevebla ĉe: BULGARA ESPERANTISTA ASOCIO, 1303 Sofia, bul."Ĥristo Botev" 97.

El Unuiĝintaj Nacioj:
"Ĉarto de U.N." - Libreto, tridekesepaĝa, enhavanta la ĉarton de Unuiĝintaj Nacioj kaj statuton de la Internacia Kortumo.
Eldonis en Esperanto la Oficejo de Publika Informado, Unuiĝintaj Nacioj, New York, NY 10017 Usono, laŭ kontrakto kun Universala Esperanto-Asocio kaj laŭ teksto aprobita de tiu Asocio.

---

PASQUA 82 in ROMANIA

dal 7-4 al 13-4

Guida Esperantista a Bucarest
Viaggio in Pullman.Gruppo minimo 35 partecipanti. Quota £.250.000

Informazioni c/o Esperantujo tel. 045/641528 o c/o Modenini (ore serali) 7500652.

## FERVOJISTA SKISEMAJNO EN MORZINE

Jam tri foje la skisemajno de fervojistoj Esperantistoj okazis en Francio; en la mirinda regiono nomata "PORTES DU SOLEIL" de la Savojaj Alpoj: Nome en Chatel unue, poste en Les Gets kaj nun en Morzine-Avoriaz.

La 23-a I.F.E.S. grupigis preskaŭ 80 gesamideanojn el 9 landoj ĉe la belega restadejo "FLORIMONTAINE", de la 27-a de februaro ĝis la 6-a de marto 1982-a. Dektri gepartoprenantoj plilongigis la restadon ĝis la 12-a de marto.

La limigita nombro de loĝeblecoj bedaŭrinde ne permesis al kelkaj gesamideanoj, inter kiuj grupo de Italaj gejunuloj, partopreni en tiu mirinda skisemajno.

La famaj skiterenoj de Morzine ĝojigis ĉiujn skiantojn, same la bela vetero, kiun ĝuis precipe la piedirantoj.

Restadejo "Florimontaine" estas belega, bonekipita kaj tre konforta.

Esperanto kaj skikonkursoj, solvendaj enigmoj, marŝado, oratora kaj ski-konkursoj, karnavala festo, prezentado de filmoj, teatraĵo kaj premiado, vigligis tagojn kaj vesperojn.

Ĉiam, ĉie, la bonhumora, afabla, sindonema estro de la restadejo s-ro Martini kun siaj helpantoj. Strange estis por ni ĉiuj la barelo, plenplena da ruĝa vino, ĉiam je nia dispono, al kiu ĉiuj povis elkrani libere (vere ĉiuj profitis la okazon certe unika). Do, denove belega semajno, renkonto kaj restado kun plurjaraj aŭ novaj geamikoj; fine ĝis revido al venonta skisemajno ie, en Germanio.

Rezultoj de la konkursoj.

SLALOM-SKIADO - Spertuloj Viroj:
I - Erich SCHALLAUN (A)
2 - Edim SULJADZIC (CH)
3 - Rüdiger BECKER (D)

SLALOM-SKIADO - Progresantoj Viroj:
I - Felix PFREUNDNER (D)
2 - Fritz LAUTENBACH (D)
3 - Mathias STOHL (A)

LONGDISTANCA SKIADO Viroj:
I - Jean Paul LEGEARD (F)

ESPERANTO KONKURSOJ Spertuloj:
I - Gernot RITTERSPACH (D)

I.F.E.F. PREMION
gajnis Mathias STOHL (A)

Dum la disdono de la premioj ĉeestis la urbestro de Morzine S-ro Francis RICHARD.

---

## NEKROLOGOJ

Ni funebras la morton de pluraj niaj memoroj kaj simpatiantoj:

- Aniceto GIANNUZZI, el Milano, dum multaj jaroj membro de I.F.E.A.
- Bruno PAIOLI el Bologna, diligenta partopreninta de niaj kursoj.
- Kav. Giovanni Battista BISSALDI el Bolzano, delonge membro de nia Asocio.
- Kav. Rodolfo REDAELLI el Como, tre simpatia partopreninto el niaj Esperanto-aranĝoj.
- Enzo SIGNORE, tre ĉarma kaj simpatia Triestano: Kune kun la edzino plurfoje partoprenis en niaj Esperanto-aranĝoj kaj manifestacioj.

Al la gefamilianoj ni sendas tutkorajn kondolencojn.

# I. F. E. A.



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (**I. F. E. F.**):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (**U. E. A.**) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (**F. E. I.**) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)




# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071

STAMPE